Jaro V/IX. N-o 12 (60) Septembro 1928




Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda
FONDITA EN 1919

# EDUKADA SERIO

ENHAVO:

## INTER NI



Redakcio: 14, Avenue de Corbéra, Paris, XII-e (Francio)
Administracio: R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig O 27 (Germ.)

REDAKCIA KOMITATO

M. Van de Moortel
Pedagogia Sekretario de l' Eduklaborista Internacio

C. Freinet
Iniciatinto de lernejtekniko "Presarto en lernejo"

M. Starr
Organizanto de Laboristaj Kolegioj el Britio

J. Zilberfarb
Redaktisto ĉe "Vojo de Klerigo" el Ukrainio

M. Boubou
Konsilkomitatano de Ruĝ-instruistaro el Francio

*Ĉio rilatanta la redakton de "S. R." edukada serio estu sendata al la fakestro: K-do M. Boubou, 96, rue Saint-Marceau, Orléans (Loiret) Francio.*

## REDAKCIA ANGULO

Per tiu ĉi kajero finiĝas la unua jaro de nia edukada serio. Ni penis prezenti al la sennaciularo edukan materialon, taŭgan ambaŭe al edukistoj kaj al ceteraj laboristoj (gepatroj).

En siaj kvar edukaj kajeroj "S. R." restis popularforma. En ĉiu kajero la artikoloj kuniĝis ĉirkaŭ "interesocentro" (komuna ĝenerala temo). La unua kajero prezentis sennaciecan edukadon; la dua kajero: la mondorganizon de l' avangardaj geinstruistoj, Edukintern; en la tria, SAT-edukistoj kaj SAT-gepatroj interdiskutis pri edukado. Nia hodiaŭa kajero prezentas eĥon de tiu diskuto, klasbatalan epizodon de la eduklaboristoj kaj belegan modelrakonton plej trafan por komenci la sennaciecan historion: pri eltrovo de fajro. Tiel tiu ĉi kajero kunigas i n t e r n i ĉies interesojn, taŭgante por edukistoj, gepatroj kaj ankaŭ infanoj.

Nun necesas, ke, i n t e r n i , ni kritiku la faritan laboron. Ĉiuj vi, kamaradoj, legantoj de "S. R.", ankaŭ vi, junuloj kaj infanoj legintaj niajn rakontojn, vi senkaŝe kaj ĝistute kritiku niajn edukajn kajerojn. Sed vi diru ankaŭ konsilojn, sugestojn, proponojn por niaj estontaj kajeroj. Viajn dirojn ni tre atentos kaj publikos en aparta rubriko.

1. **Kiuj kajeroj kaj artikoloj plej interesis vin en la eduka serio?**
2. **Kiuj kajeroj kaj artikoloj malplaĉis al vi?**
3. **Ĉu vi opinias la edukajn kajerojn tro fake redaktitaj (ne sufiĉe popularaj)?**
4. **Pri kiuj temoj vi dezirus legi artikolojn?**

Aliflanke, ni deziras, ke vi helpu nin en la jenaj demandoj, kiuj ŝajnas al ni tre gravaj por proletedukado.

1. Traduku por "S. R." proletrakontojn taŭgajn por infanoj eĉ tute junaj.
2. Esprimu viajn opiniojn pri hejma edukado kaj citu konkretajn proprajn ekzemplojn.

(Daŭrigo sur la 3-a paĝo de la kovrilo.)




Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda
FONDITA EN 1919

LITERATURO – SCIENCO – PEDAGOGIO

# V/IX JARKOLEKTO 1927–1928

Redakcio: 14, Avenue de Corbéra, Paris, XII-e (Francio)
Administracio: R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig O 27 (Germ.)

# TABELO DE L' ENHAVO

Paĝo

## LITERATURA SERIO

### Belarta prozo



### Poezio



### Literaturaj skizoj

## De post oktobro 1928 ĉiuj abonu kaj legu

unikan literaturan, sciencan kaj edukan
sennaciecan mondrevuon esperantistan

# LA NOVA EPOKO

monatan organon de Sennacieca Asocio Tutmonda!

---

Fondita en la jaro 1922 en Moskvo, "La Nova Epoko" en 1923 kuniĝis kun la ekzistinta de post 1919 en Parizo gazeto "Esperantista Laboristo" kaj de post tiam ĝi regule aperadis en Leipzig sub la populara titolo "Sennacieca Revuo", eldonate de SAT.

Nun, laŭ la decido de la VIII-a kongreso de SAT en Gotenburgo, ĝi estas fundamente reorganizita, plibonigita kaj pliampleksigita, kaj en alia aranĝo ĝi komencis novan epokon de sia jam multjara ekzistado.

"La Nova Epoko" estos kunlaborata de multaj bonaj kaj konataj verkistoj esperantistaj kiel: E. Ajzberg, N. Barthelmess (Paris), Léon Bergiers (Bruxelles), A. Bokarjov (Rostov-Don), Marcel Boubou (Orléans), G. P. de Bruin (Enschede), G. Demidjuk, G. Deŝkin, E. Drezen (Moskva), K. Fröding, A. Fiŝer, Célestin Freinet, S. Grenkamp (Paris), N. Hohlov, N. Ĥrebtovskij, Karl Johansson, L. Ivn (Odessa), J. Jurysta, A. Jodko, E. Izgur (Kremenĉug), M. Krjukov (Irkutsk), Kastelano, N. Krassovski (Ufa), V. Kolĉinski, E. Lanti (Paris), Ida Lisiĉnik (Sebastopol), C. F. Magashazi-Hochhaeuser, E. Mihalski (Voznesensk), M. Muribo (Oslo), N. V. Nekrasov (Moskva), Neniu, R. Nikolskij (Smolensk), V. Polakov (Moskva), L. Revo, S. Rublev (Odessa), G. Saville (New-York), Mark Starr (London), G. Salan (Nîmes), D. Snejko (Minsk), E. Spiridoviĉ (Ĥarkov), Senheredigito, H. Stay, Henriko Seppik-Allari, G. Sevak (Erivan), V. Sutkovoj (Odessa), M. Ŝidlovskaja, Stebek, Tagulo, Ŝio Traŭbe, St. Zausmer, J. Zilberfarb k. a.

Krom tio, multaj aliaj plej bonaj literaturistoj esperantistaj estas invititaj kunlabori en "La Nova Epoko".

En la jaro 1928/1929 "La Nova Epoko" aperados en duobligita amplekso malgraŭ la sama abonprezo!

Riĉa kaj interesa enhavo, utila kaj konsciplena legaĵo, bona kaj facila esperanto-stilo, bela ilustraĵaro kaj regula aperado — faras la revuon "La Nova Epoko" senrivale plej bona kaj vere unika esperanto-gazeto en la tuta mondo!

Tuj rapidu sendi vian abonmonon laŭ la sekvantaj abonkondiĉoj:

## Tarifo de "LA NOVA EPOKO"

(La unua nombro montras jarabonon **por membroj de SAT**, la dua en krampoj montras la jarabonon **por nemembroj**. Ni ankaŭ akceptas ¼-**jaran abonon**)

**Argentino, pes. 2 (3); Aŭstrio, ŝil. 4 (5); Belgio, belgo 3 (4); Brazilio, milrejs. 5 (7); Britio, ŝil. 3 (4); Bulgario, lev. 100 (150); Ĉekoslovakio, kr. 20 (25); Danio, kr. 3 (4); Estonio, kr. 2,50 (3); Finnlando, mk. 25 (30); Francio, fr. 15 (18); Germanio, mk. 3 (4); Hispanio, pes. 4 (5); Hungario, peng. 4 (5); Italio, lir. 15 (20); Japanio, jen. 2 (2,50); Jugoslavio, din. 40 (45); Latvio, lat. 3 (4); Litovio, lid. 6 (8); Nederlando, guld. 2 (2,50); Norvegio, kr. 3 (4); Polio, zlot. 5 (7); Portugalio, esk. 12 (15); Rumanio, lej. 120 (150); Sovetio, rubl. 1,50 (2); Svedio, kr. 3 (4); Svisio, fr. 4 (5); Usono, dol. 1 (1,50).**



# INTER NI



## Edukado estu bazita sur amo

WALTHER KUBICK, SAT-ano 8384

Permesu, ke mi, kiel juna seninfana laboristo, diru mian opinion pri la infano. Respondu, ĉu mi eraras aŭ ne. Ofte oni aŭdas pri la infano kaj mi diras ke, ju pli ofte ni parolas pri la infano despli bone estas por la ekkono de la edukmetodoj. Antaŭ ĉio oni konsciu, ke infano nur diferencas de plenkreskulo per grandeco kaj moleco de korpo kaj spirito. La infano sentas ĝojon kaj mizeron tute kiel plenkreskulo, sed la infano enkorpigas ĉiun travivaĵon.

Infananimo estas mola vakso sur kiu presiĝas ĉiuj impresoj. Ofte oni komparis la infanon kun gramofon-plataĵo. Dum la juneco la plataĵo estas mola kaj ankoraŭ ne tuŝita per la ŝtalpinto. Ĉiu ĝojo kaj malĝojo engratiĝas per nefleksebla certeco en korpo kaj spirito de infano. Kiu komprenas ĉi muzikon, tiu aŭdas el la parolado kaj legas ĉe la vizaĝo kaj korpo de plenkreskulo ĉiun ĝojon kaj mizeron, kian la infano travivis. La de aĝo kaj multofta ludado malmoligita plataĵo ne enprenas multajn novaĵojn. Tiam ni diras "la karaktero jam evoluiĝis". Instruistoj kaj pololedukistoj utiligis tion kaj edukis la homojn per aŭtoritato. Per nefleksebla malmoleco desegnis ĉi aŭtoritato sian volon en korpon kaj spiriton de l' homaro, tiamaniere, ke ni nuntempe ne plu scius, kio estas amo se ne ekzistus tiu giganta forto, kiun ni nomas patrina amo, kiu ja nur ebligas, ke ni povas vivi. Niaj estintaj kaj ankoraŭ nuntempaj edukistoj fakte instruas, ke la homaro fariĝos forta nur se ĝi obeas al iu ajn potenco aŭ ordonanto. La logika sekvo de tio estas, ke ne la unuiĝo sed la ordonantoj kaj regantoj fariĝas fortaj.

Konkludo estas, ke aŭtoritato ne povas eduki, sed nur amo. Nia unua devo estas anstataŭigi la nunan laŭautoritatan edukadon per amo. Mi proponas, ke ĉiuj gepatroj diru sian opinion kaj donu ekzemplojn pri tiu temo. Estu certaj, ke la infanoj iam tion dankos al vi.



# Malamo — edukiva forto revolucia

MARCEL BOUBOU

Ekzistas multaj teorioj pri naturo de l' infano. K-do Kubick citis unu el la plej modernaj: "la infananimo estas mola vakso sur kiu presiĝas ĉiuj bonaj aŭ malbonaj kutimoj." El tio, li konkludas, ke edukisto povus fari el infano ĉu malbonulon, ĉu perfektulon. Sed tio estas nur parte vera, ĉar oni devas atenti 1. la kapablojn kaj mankojn hereditajn en la infano; 2. la medion en kiu vivas la infano. Oni ĝenerale trograndigas la influon de l' edukisto sur la infanon, kaj ne sufiĉe atentas, ke la plej grava momento de la socia edukado okazas post la elementa lernado, en la adoleska periodo.

La teorio citita tute ne permesas kondamni edukan aŭtoritaton, kontraŭe. Se infananimo estus blanka senmakula paĝo, kaj se edukisto povus per sia propra volo (aŭtoritato) presi en ĝin nur kapablojn kaj kvalitojn, oni devus uzi aŭtoritatan metodon. Se sufiĉus aŭtoritateme inokuli klaskonscion kaj klasbatalemon en infancerbojn por formi generacion de revoluciuloj, la proletaj edukistoj nepre devus aŭtoritateme eduki. Sed la afero estas pli komplika.

Alia principo kontraŭas la rigidecon de la aludita teorio. En ĉiu individuo eĉ tre juna ekzistas propra personeco, kiun edukado devas disvolvi al bono. Tiu personeco povas kontraŭagi edukadon trudatan de aŭtoritato. Kiom ofte oni vidis junulojn saturitajn de burĝa kaj religia edukado sin turni al avangardaj ideoj per retroagado de sia forta personeco (Renan, Jaŭres estis edukataj de jezuitoj). Oni tre atentu la "retroiran efikon".

Tial proleta edukado sin bazas sur neaŭtoritata metodo. Truditan sugeston ordinare ne akceptas normalaj mensoj, sed ili volonte akceptas rezonitan (netruditan) sugeston, kiun ili propriĝas al si, kiel aŭtosugeston — ĉefe kiam ĝi estis konstatata kaj sentata trans la amo kaj suferado de la gepatroj aŭ edukantoj.

Proletedukisto devas senlime ami infanojn. Sed tiu amo-bazo tute ne signifas, ke edukado devas disvolvi ĉiujn belvirtojn de burĝa moralo. Ekzistas proletara moralo bazita sur respekto al laboro kaj laboristara solidareco kaj sekve sur m a l a m o al ekspluatado kaj egoismo. Jes, tiu malamo (al malbono) estas prava kaj sankta; ĝi naskas la blovon de revolucio; ĝi estas inokulinda al infanoj, junuloj kaj maturiĝantoj. Sed en tio malsukcesas katekisma kaj aŭtoritata metodoj. Ni per propra ekzemplo sugestu infanojn malami malbonon de burĝa socio. "Vi malamigu malamon", diris Anatol Frans al instruistoj. Tiel, oni povas aserti, ke malamo estas ankaŭ bazo de socia edukado.

# KONTRAŬ IUJ EDUKISTOJ

SAT-ano 10 235, el Budapeŝto

En lasta edukada numero de "Sennacieca Revuo" aperis artikolo de K-do 357 sub la titolo "Kion bezonas scii la gepatroj de nia sennacieca popolo", en kiu li tre lerte kaj interese klarigas la gravecon kaj manierojn de la kunlaborado inter gepatroj kaj instruistoj. Tamen mi volas ion rimarki, kion la Kamarado ne priatentis kaj kio certe povas kaŭzi miskomprenon. K-do 357, kiu verŝajne estas sovetiano, en sia artikolo tute ne priatentis, ke la situacio ne ĉie (bedaŭrinde nur tre malmultloke) estas tia, kia en lia lando. Liaj konstatoj kaj konsiloj estas tre pravaj, tre ĝustaj, sed ne estas ĉie aplikeblaj. Li diras, ke la gepatroj devas ĉiam veki en la infano la plejgrandan respekton kontraŭ la instruisto kaj devas ĉiam eduki la infanojn akorde kun la instruisto. Sed mi vere ne povas imagi, kiel povus nia Kamarado ĉi teorion apliki ĉe ni, en Hungario, aŭ en aliaj, en same mizera situacio estantaj landoj. Ĉe ni la instruistoj plejparte estas reakciuloj, t. n. "vekiĝantoj"[1], kiuj klopodas ankaŭ la infanojn eduki en ĉi tiu reakcia, patriota spirito. En provinco estas la situacio eĉ pli malbona. Tie la instruistoj estas plejparte drinkuloj, diboĉuloj, kiuj anstataŭ instruado laborigas kaj batadas la infanojn.

Ĉu povas do sennaciulo akordiĝi kun tiaj instruistoj? Ĉu povas la gepatroj — sennaciuloj pravigi la instruistojn aŭ kaŝi sian kontraŭan opinion, se tiuj venenigas la infanajn mensojn per la patriotaj kaj dionlaŭdantaj mensogoj? Ĉu estas ebla akordiĝo inter ateisto kaj religia instruisto[2]?

Ne, kara K-do 357! Via edukmaniero tre pravas, kiel mi jam diris, en la okazo se instruisto kaj gepatroj havas saman mondpercepton, sed tute ne pravas en mala okazo. Ĉe ni la gepatroj devas transpreni ankaŭ la taskon de la instruisto kaj kontraŭbatali per ĉiuj fortoj la influon de la reakcia instruado. Ĉe ni la gepatroj devas klarigi al la infanoj, ke kion la instruisto diras, tio estas nur mensogo, kalumnio, por malebligi la vekiĝon de la proletaro. Ili devas klarigi al la infanoj, ke la patriotaj incitadoj volas kaŭzi novan militon, kie denove la proletoj devos sin reciproke mortigi. Ke la dio altestimata estas nur eltrovaĵo, kio helpas al la kapitalistoj malebligi la klerigadon de la laboristaro. Nur tiel, per tiaj rimedoj ni povos eduki ankaŭ en la reakciaj landoj revolucian, batalpretan junularon. Mi scias, ke ĝi estas por la gepatroj malfacila, peza tasko, sed ĝiaj fruktoj ne povos forresti.

[1] Antisemitoj. [2] La eksiĝo el la eklezio estas ĉe ni preskaŭ neebla. Pro tio ankaŭ la ateistoj devas siajn infanojn sendi al la religio-instruado.

# SAT-EDUKISTO RESPONDAS

SAT-ano 518

Eraras nia K-do el Budapeŝto, supozante, ke K-do 357, kiu donis konsilojn por la kunlaborado inter gepatroj kaj instruistoj, estas sovetiano. Kontraŭ, K-do 357, eks-instruisto, apartenas al lando, kie ankaŭ furiozas faŝismo, kie SAT-anoj ankaŭ preferas ne doni sian nomon, sed nur sian matrikulon. K-do 357 estas hispano.

Ruĝa edukisto povas nur aprobi la severajn kaj pravajn kritikojn de nia hungara K-do kontraŭ iuj edukistoj. Per sia profesio, edukistoj estas en burĝa lando gardhundoj de kapitalisma sistemo. Lernejo estas fabriko de laborsklavoj neribelemaj. La avangardaj geinstruistoj, forĵetante sian kolringon kaj sian ĉenon, penas transformi laŭeble la edukadon en sia klaso. Sed la afero estas malfacila — ĉar ekzistas lerneja sistemo, devigaj programoj, kontrolaj inspektadoj kaj ĉar ankaŭ restas, kiel ĉe multaj aliaj laboristoj, la postsignojn profundajn de la hunda kolringo, de la infanedukiteco — la afero estas ankaŭ danĝera.

Estas vere, ke en Hungario estas tre malmultaj avangardaj, edukistoj. Sed eble, pro la persekutado, ili silentas. Estas simila situacio en Italio, en Hispanio, en ĉiuj faŝistaj aŭ teroraj landoj. Ekzemple en Italio pro senkuraĝeco de la instruistaro, la faŝista ligo instruista enhavas preskaŭ ĉiujn edukistojn . . . kaj tamen, ni scias, ke kelkaj gek-doj edukistoj tie atendas la ribetagon, suferinte persekuton, batadon, malliberejon. De tri jaroj, nia SAT-K-dino Z., instruistino en itala grandurbo, estas persekutata kaj avertis nin, ke ni ne skribu al ŝi. El Hungario la revoluciaj kaj demokrataj instruistoj devis forkuri post la malsukceso de komunismo en 1920. Kelkaj eĉ estis mortigitaj, dronigitaj en Danubo aŭ ĉasitaj en arbaro. La forkurintoj rifuĝis en Ĉeĥoslovakio, Aŭstrio kaj Germanio. K-do Serenyi, aŭtoro de nia "Terbiblio", loĝas nun en Sudkarpata Podolio (Ĉeĥoslovakio) kaj K-do Fogarasi la vickomisaro pri popolklerigo en Komunista Hungaria Respubliko, devige restas en Germanio.

Kamaradoj, nepre kontrolu la edukadon de viaj infanoj kaj nepre luktu kontraŭ la influo de l' instruisto en la sociaj politikaj, filozofiaj, religiaj aferoj, kiam vi konstatis, ke vi havas en li klasmalamikon. Sed ofte la instruisto estas nur nekonscia laboristo, kiu plenumas laŭprograme sian laboron. Ĉu vi forgesis, ke en plej multaj landoj SAT-edukistoj devas instrui religion kaj amon al burĝa patrolando? Ni ankaŭ memoru, ke en ĉiuj profesioj ekzistas ankoraŭ multaj klas-nekonsciuloj, kiujn varbi estas nia devo. Laŭ-

# LA STRIKA LERNEJO

MARK STARR

En la Kvara Kongreso (Vieno) 1926, de la Edukad-Laborista Internacio, K-do E. C. Williams (ano de la brita delegacio) diris, en Britio estas nur unu lernejo junula ekster la kapitalista rego. Tio estas ĉe Burston en la graflando (distrikto) Norfolk, en la orienta parto de Anglio. Kredeble detaloj pri tiu lernejo interesos niajn Kamaradojn.

Oni devas memori la historion kaj atmosferon de vilaĝo brita. Antaŭlongtempe mortis la feŭda sistemo sed postrestas ĝia spirito. Regas kutime la skviro (angle "squire"-komunuma sinjoro kiu plejparte posedas tie la kampojn kaj domojn), la pastro kaj la lernejestro. Komence antaŭ la jaro 1870, kiam stariĝas nacia ŝtata edukadsistemo, la pastro mem prizorgis lernejon aŭ eĉ en kelkaj distriktoj agitis kun la skviro kontraŭ la "danĝera edukado" por servistoj kiuj eble perdus sian respekton por siaj mastroj. Sed la lernejestro eniĝas la triunuon fine kaj poste li devas modeste ludi la orgenon en la preĝejo, prepari la ĥ o r i s t o j n ktp. La kamparano voĉdonu laŭ la mastroj. Li ne grumblu kaj regule ĉeestu la preĝejon aŭ li ne ricevu almoze la karbon kaj litkovrilon de la kompatemaj regantoj- kaj tiaj donacoj tre necesas pro la malaltaj salajroj. La oficiala Eklezio kaj la landposedantaro tre efike kune laboris. Ribelinte la vilaĝano devis forlasi sian hejmdomon. En kelkaj vilaĝoj kaj distriktoj iom ribelas la industrianoj kaj la malgrandaj metiistoj kaj fondiĝis aliaj preĝejoj ekster la oficiala Eklezio. En tiuj preĝejoj (tiel nomitaj Nonkonformist) ofte la estontaj laboristestroj kutimiĝis publike paroladi kaj agiti plejparte en la politikaj bataloj, per ili esprimiĝis kontraŭstaro al la partio de la landposedantoj kaj subteno por la industria kapitalisto, kiu volas

---

programe, edukistoj devas formi sklavojn, ho ve! Sed laŭprofesie iuj laboristoj eĉ sindikataj devas fabriki ĉiajn pafilojn, pulvojn, venengasojn. Preskaŭ ĉiuj laboristoj pli malpli devige devas plifortigi kapitalisman sistemon, dungite de mastroj kontraŭ laborista profito. Multaj sindikatanoj aĉetas siajn varojn al burĝaj firmoj anstataŭ sin turni al laboristaj kooperativoj.

Estas multaj formoj esti lakeo de kapitalismo. Sed ĉiu individuo ekspluatata, ĉiu eĉ nekonscia laboristo aŭ oficisto estas varbenda al niaj ideoj. Ni kompatu ankaŭ instruistojn en terorlandoj kaj ni provu klaskonsciigi ilin. Kaj tio estos plia profito de kunlaborado inter instruistoj kaj gepatroj.

havi pli da libero de feŭdaj restintaĝoj. (Nuntempe la “radikaloj“ de la vilaĝo aniĝas al la Laborista Partio kaj ĝia socialista programo sed ili ankoraŭ uzas la religiajn terminojn kiel koverton por ekonomiaj postuloj. Inter aliaj eksterlandaj Kamaradoj, Srochi ŝajnas ne kompreni tiun aferon.) Sed ĝenerale en la vilaĝo regis la kvieteco de subpremo.

Tamen en Burston en j. 1914 notinde la triunuo kvietiĝis. La pastro skviro volis elpeligi la gek-dojn Higdon el ilia ofico en la lernejo tie. Anstataŭ helpi en la subpremo, K-do Higdon helpis la terkulturistojn organiziĝi en laboristsindikato — multe pli danĝera por la regantoj ol Nonkonformista preĝejo[1].

La farmmastroj kaj la pastro mem malsukcesis en la baloto por la vilaĝa magistrato. Tiam la lerneja administracio de Burston adresis al la distrikta Edukadkomitato peton transigi la geinstruistojn “en agadoaferon pli konforman kun iliaj inklinoj“. Baldaŭ okazis plendoj al la dungantoj de la Gek-doj Higdon — laŭ onidiro, K-dino Higdon kruele punis orfojn; ne sufiĉe respekte salutis la edzinon vizitantan de la pastro ktp.... La edukad-komitato entreprenis enketon pri la afero. Reprezentanto de l' Nacia Instruista Unuiĝo, delegita por partopreni la enketon, emis pli por kompromisa ofic-ŝanĝo kaj ne insistis pri senmaskigo de la kalumnioj kaj restigo de l' Gek-doj Higdon je iliaj oficoj. Nur poste la unuiĝo subtenis K-dinon Higdon, kiu estas ĝia membro. Estas sufiĉe strange, ke la flava instruistino anstataŭinta K-dinon Higdon en la oficiala lernejo, ankaŭ estas membro de l' Unuiĝo...

La edukad-komitato de la distrikto (Norfolk) fine sendis avizon de tuja maldungo kaj aranĝis sendi anstataŭantojn. Jen oni proponis efike forigi la ribelon kaj eltiri ĝiajn radikojn por ĉiam.

Sed pli facile proponebla ol farebla. La kamparano ne tute forgesis la spiriton de Ket (ribelestro kiu en j. 1549 kun 20 000 kamparanoj en Norfolk protestis kontraŭ la forŝtelo de la lando). Eĉ la infanoj mem rifuzis ĉeesti la oficialan lernejon kiam ne plu deĵoras tie iliaj amataj instruistoj. Tre unika estis tiu striko de vilaĝaj infanoj, kiuj malgraŭ la ĉeesto de l' polico, rifuzis iri al la lernejo kaj demonstre marŝadis tra la vilaĝo kun standardo surhavinta la signaldiron: “Ni volas, ke restu niaj instruistoj“. En Britio estas laŭleĝa devigo ĉeesti la lernejon, kaj la Edukad-Komitato procesis kontraŭ la gepatroj de la infanoj. Sed kun flirtantaj standardoj granda procesio marŝis al la juĝejo ĉe la urbo Diss. Poste en la komuna senbarila kampo de la vilaĝo, dum granda kunveno, kolektiĝis sufiĉe da mono por pagi la monpunon

[1] Gekamaradoj Higdon estis ankoraŭ pli frue helpintaj organizi Nacian Union de Kampolaboristoj, kaj pro tio ili estis forigitaj el sia antaŭa ofico kaj senditaj al la vilaĝeto Burston.

kaj la infanoj ankoraŭ rifuzis esti mallojalaj. Fine la juĝisto forlasis la persekuton. Intertempe en la vilaĝa ĉarpentejo la strikantoj komencigis novan lernejon. La pastro kolerigita eldomigis la viron, kiu kuraĝe luis la ĉarpentejon spite de la fakto, ke tiu familio loĝis en tiu domo dum multe da jaroj. La vilaĝanoj jam de longe batalis kontraŭ tiu pastro, agento de la grandposedantoj. Ĉi okaze ili decidis bojkoti la lokan pastron.

Bonŝance la vilaĝanoj ne batalis sole, formiĝis nacia komitato kiu sukcese organizis protestkunvenojn tra la tuta lando kaj kolektis monon. La laboristaj ĵurnaloj priatentis la aferon. La ĉirkaŭantaj filioj de la fervojista sindikato multe helpis. Finance subtenis ankaŭ aliaj sindikatoj, la laborista Partio kaj simpatiantaj individuoj.

Fine en j. 1917 estis konstruita bona "Strika Lernejo" kaj en la fronto de ĝi oni surskribis la nomojn de la diversaj Kamaradoj kaj laboristorganizaĵoj, kiuj donacis monon kaj helpon. Tre ĝuste kie Ket alvokis siajn kunulojn ribeli kontraŭ maljusteco, tie ĉe bordo de la komuna lando staras tiu-ĉi lernejo, kie nun studas 25 lernantoj.

La instruo en ĝi baziĝas sur la fakto de la laboristklaso. La infanoj, anoj de tiu klaso, lernas pri ĝi kaj pri kresko de la laboristsindikato kaj solidareco proleta. En historio la studantoj lernas pri John Ball, Wat Tyler kaj Ket — heroaj batalantoj por la kamparano. En la religia instruo estas la temoj "Kristo kaj Laboristo", kaj la Biblio kiel Literaturo[1]. La rilatoj inter la laboristo, la landposedanto kaj la farmestro estas klare komprenataj.

Nur en tiu lernejo ĉiutaga el la miloj en Britio la infanoj festis kaj memoris la sukcesan datrevenon de la Sovetia Oktobra Revolucio.

La lerneja disciplino baziĝas sur proleta kamaradeco. La infanoj estas liberaj membroj de la lerneja komunumo. Tamen la lernejo ne estas konscia paŝo al laborist-kulturo sed instinkta ribelo kontraŭ tiraneco. Mankas novaj metodoj en ĝi aŭ proletaj lernolibroj. Bedaŭrinde malpacoj kaj dividoj disrompis la komitaton. Multaj homoj forgesis pri la lernejo kaj la komencantaj studentoj kaj familio devas forlasi la lernejon. La studentoj nun nombriĝas je 25 anstataŭ 60. La gekamaradoj Higdon maljuniĝas.

Nuntempe la Ligo de Laborist-Edukistoj (T. L. L.) ekzamenas la lernejon kaj eble per helpo de la Sindikataro (T. U. C.) kaj la maturaĝula edukada movado konserviĝos kaj pliboniĝos la unua kaj sola Strik-lernejo por Junuloj en Britio.

---

[1] Estas karakteriza trajto por la britaj tradicioj, ke religia instruo estas konservita eĉ en tia lernejo. — Red.

# PRI LA ĈE-METODO

MARCEL BOUBOU

La vojaĝo de la pastro Andreo Ĉe en Svedio, akompanata de sukcesaj esperanto-rapidkursoj, faris sufiĉe grandan sensacion en la lando mem kaj en tuta Esperantio. Mi persone ne kredas al nova mirakla (nekonata) metodo, donaco de dio al unu el liaj pastroj, kiu ne estas simple klarigebla per artikolo de metodologia libro. Mi opinias nur, ke Ĉe estas lerta pedagogo, kiu havis bonŝancon instrui al elitaj lernantoj (ne laboristoj). Ernfrid Malmgren asertas[1]: "La Ĉe-metodo estas la vivanta metodo, kaj, se oni publikigus ĝin en lernolibro, ĝiaj plej gravaj ecoj mortus..." El tio mi konkludas, ke Ĉe, kiu (onidire) rifuzus presigi sian metodon, konsiderus nin kiel azenojn — aŭ Ĉe ne havas propran metodon, sed nur proprajn pedagogiajn kvalitojn.

La sola ekzistanta buŝa metodo estas bazita sur dialogo aŭ ripeto. La gvidanto demandas aŭ klarigas interesaĵon — la lernanto respondas aŭ penas ripeti la rakonton. La sola konindaĵo en la Ĉe-"metodo" estas scii, kiujn precizajn demandojn aŭ rakontojn li diris por klarigi precizajn lingvoregulojn. Ne okazis miraklo, sed instruitaj lernantoj preparitaj al parola metodo pro sia instruista profesio, lernis normale la fundamenton de la lingvo parolata en daŭro de 40 horoj (10 tagoj da duhora instruo matene kaj duhora posttagmeze). En tuta vintro niaj lernantoj antaŭ instruisto lernas nur 30 horojn maksimume. Mi tre ĝojus, se iu sveda K-do povus al mi klarigi unu lecionon el la instruado de Ĉe.

Se pastro Ĉe posedas mirindan metodon, kion li atendas por diskonigi ĝin tra la mondo. Se multego da komenco-lernantoj forkuras de niaj kursoj antaŭ la fino, la kaŭzo grandparte kuŝas en la instrua metodo ne sufiĉe laboriga, paroliga, efika kaj alloga.

Kelkaj SAT-anoj nuntempe dediĉas sian laboremon al perfektigo de la instrumetodo de esperanto por laboristaro, ĉar ili opinias tiun demandon plej grava por la konkiro de vastaj proletaj amasoj. Internacia kunlaborado pri l' esperanto-instruado estas nepre necesa. La instruantoj kaj verkintoj de lernolibroj el unu lando devas konigi siajn spertojn kaj "sekretojn" al instruantoj kaj verkontoj el aliaj landoj. Ĉe kredeble elpensis neniun novan metodon, sed allogis per sia oratora kapablo adaptita al moderna lingvo-instruado lernantojn, kiuj kapablas lerni la lingvon sen instruanto.

---

[1] En artikolo aperinta en "Heroldo de Esperanto" kaj "Intern. Pedag-Revuo".

# La rakonto pri la fajrobesto kaj la alumeto

**Se ni ne havus alumetojn...**

Pripensu foje, vi infanoj, kiel malbone estus, se ni ne havus alumetojn. Se ni ne havus ĉi tiujn beletajn malgrandajn lignaĵetojn kun ruĝaj kapetoj, tiam panjo ne povus fari al ni fajron, kaj estus al ni malvarme, kiam ekstere ĉio frostas kaj la neĝeroj malsupren turniĝas. La manoj vin dolorus, kaj la piedoj vin suferigus, se estus malvarme hodiaŭ kaj morgaŭ kaj postmorgaŭ kaj la tutan semajnon, tiel malvarme, ke la akvo glaciiĝus. Kaj se panjo volus boligi akvon, tiam ŝi tute ne povus, ĉar la akvo ja estus solidiĝinta en malmola glacio. Kaj se panjo frumatene volus boligi lakton por vi, ankaŭ tio ne estus ebla, ĉar sen alumetoj ŝi ne povus bruligi la gaskuirilon aŭ la fornon. Vi frumatene ne ricevus bonan varman lakton kaj tagmeze kuiritajn legomojn kaj rostitan viandon, kaj vespere ni devus sidi en mallumo; kaj per kio ni povus ekbruligi nian lampon? Lanternoj ne estus lumantaj en la stratoj, kaj panjo ne plu povus, kiam vi jam estas enlitiĝintaj, fliki vian pantalonon disŝiritan kaj fliki viajn ŝtrumpojn. Ĉio estus tute alia kaj estus preskaŭ tia, kia ĝi estis antaŭ multaj miloj da jaroj, kiam la mizeraj homoj efektive ne havis ankoraŭ alumetojn kaj ankaŭ alie neniel povis havigi al si fajron.

**Kio estis antaŭ multegaj miljaroj**

Ĉu vi deziras ekscii, kiel estis tiam, antaŭ multaj, multegaj miloj da jaroj?

Tiam ne estis ankoraŭ belaj domoj, en kiuj oni povas loĝi kaj trovas rifuĝejon kontraŭ frosto kaj neĝo kaj pluvo kaj varmego. Ne estis ankoraŭ belaj litoj, en kiuj vi dumnokte povas dormi tiel bone. Ne estis stratoj kaj fervojoj kaj magazenoj kaj panbutikoj. Ĉio estis arbaro, kaj kie la arbaro finiĝis, tie estis kampo, kaj tie kreskis floroj kaj grenherboj; kaj kie finiĝis la kampo, tie denove venis arbaro; kaj en la arbaro ne estis vojoj kaj gastejoj, kaj en kelkaj lokoj estis tute malhele en tiu ĉi arbaro.

Kaj oni devis esti tre singardema, se oni volis trairi ĉi tiun arbaron.

La viroj kaj la virinoj kaj la infanoj, ĉiuj tiam iris nudpiede, kaj estis malbonaj serpentoj en la arbaro, kiuj kelkfoje aspektis tute kvazaŭ peco da branĉo kuŝanta sur la tero; kaj tiam la homoj sensuspekte marŝis kaj metis la piedon sur ĝin, kaj huj! — tiam la lignaĵeto (peco da ligno) kurbiĝis kaj estis malica serpento, kiu

mordas en la piedon de la infano aŭ de la viro aŭ ringiĝis ĉirkaŭ la kruro; kaj kelkaj serpentoj estis tiel grandaj kaj dikaj, ke ili povas laĉmortigi homon.

Tio estis terura, kaj tial la homoj ankoraŭ hodiaŭ havas tian timon pri la serpentoj; sed la serpentoj, kiuj nun estas ankoraŭ troveblaj en la arbaro, estas multe, multege pli malgrandaj; nur en Hindio kaj en Ameriko kaj en Afriko, tie troviĝas ankoraŭ grandaj serpentoj malicaj.

Sed en la arbaro de antaŭ multe da jarmiloj ne estis nur grandaj, malbonaj serpentoj. Ankaŭ sovaĝaj ursoj kun akraj dentoj kaj ungegoj murmuregis tra la arbaro. Kaj ĉe la rando de la arbaro, fortaj bubaloj vagadis; kaj kiam viro alvenis, ili kuregis kontraŭ li kaj puŝmortigis lin per la kornoj. Kaj plie estis lupoj; tiuj ĉi povis kuregi terurige rapide kaj saltis al la kolo de la homo, kiun ili renkontas en la arbaro, kaj disŝiris ĝian gorĝon per siaj akraj dentoj kaj formanĝegis ĝin.

### Hom-nestoj sur arboj

Se tiam malgranda knabo aŭ granda viro ne povis grimpi bone, tiam al li okazis io tre malbona: tiam li estis mortigata de la malbonaj bestoj.

Sed tiu, kiu rapide kaj lerte suprengrimpis la arbon, povis sin savi kaj povis forrompi branĉon kaj bati per la branĉo la serpenton aŭ la lupon aŭ la urson, ĝis kiam la besto forkuras.

Kaj tial la homoj loĝis sur altaj arboj en la arbaro.

Tiel, kiel ankoraŭ hodiaŭ la birdoj konstruas siajn nestojn sur la arboj, tiel ankaŭ la homoj en la praarbaro konstruis por si kabanon alte en la branĉaro de la arbaro. En ĝi ili trovis almenaŭ iom da ŝirmejo kontraŭ la torenta pluvo kaj la akra vento, kiu fajfas tra la branĉoj; sed ne estus estinta eble al ili (sed ili ne estus havintaj la eblecon), bruligi fajron en tiuj ĉi surarbaj dometoj, eĉ se ili estus havintaj ĝin. Sed tiam la homoj ne havis fajron.

### Iam estis du arbaroj

Nu estis iam du arbaroj. Unu arbaro estis supre sur la monto, la alia arbaro etendiĝis proksimen tra la valo. Nu, la homoj, kiuj loĝis supre en la montarbaro, estis malbonaj homoj; sed la homoj, kiuj loĝas malsupre en la valarbaro, estis pacemaj. Nu, kiam foje la homoj en la valarbaro matene estis serĉantaj berojn kaj fungojn, kiujn ili volas manĝi tagmeze, la homoj el la montarbaro venis kaj forprenis de ili ĉion, kion ili estas kolektintaj, kaj bategis ilin.

La homoj el la montarbaro estis ligintaj pintajn ŝtonojn al longaj branĉopecoj kaj per ili batis ĉirkaŭ si, se oni volas proksimiĝi al ili; kaj tial ili estis pli fortaj ol la aliaj, kiuj ne havis pintajn ŝtonojn en sia arbaro kaj do ne povis fari ŝtonhakilojn per tiaj ŝtonoj. Sed pintaj ŝtonoj estis troveblaj nur supre ĉe la rokoj de l' monto, kie loĝas la mont-arbaranoj.

Tio nu estis tre malĝojiga en tiu ĉi tago. La val-arbaranoj estis ricevintaj batojn; kaj iliaj beroj kaj fruktoj estis forprenitaj, kaj iliaj geknaboj estis malsataj kaj ploregis kaj ricevis nenion por manĝi; nur vespere la gepatroj povis ree alporti al ili ion manĝeblan, post kiam ili estis serĉintaj denove posttagmeze.

La sekvantan matenon la malbonaj homoj de la monto denove venis kun siaj ŝtonhakiloj kaj ree batis la valanojn, kiuj ne havis ŝtonhakilojn, kaj denove forprenis de ili ĉiujn fruktojn kaj berojn, kiujn ili estis kolektintaj, kaj fine ili batmortigis kelkajn virojn, kiam ĉi tiuj sin defendis kaj batis ĉirkaŭ sin per siaj branĉopecoj.

Pro tio la homoj en la valo (la valanoj) estis tre malĝojaj, kaj ili decidis, forlasi siajn arbkabanojn kaj formigri en alian arbaron jam en la sama nokto. Ili prenis, kiam la luno leviĝis, ĉiujn siajn geknabojn en la mezon kaj migris tra la arbaro, ĉiu sin provizinte je branĉopeco, kiel armilo. Kaj ankaŭ la sekvantan tagon ili formigradis pli malproksimen kaj pli malproksimen, nur ja por esti tre malproksime de la malbonaj mont-arbaranoj.

## La ruĝa fajro-besto

Sed ju pli malproksimen ili migris, des pli multe montariĝis la lando, des pli multe altiĝis la montetoj, kaj fine ili alvenis sur monto, de kie oni vidas malproksimen trans vasta, vastega ebenaĵo. Kaj estis tre varmege, kaj kiam venis la nokto, granda fajro (incendio) trairis la ebenaĵon kaj manĝegis la tutan herbon kaj forbruligis la arbojn, kiuj staris en la ebenaĵo; kaj ĉiuj bestoj forkuregis de la fajro kaj plendegis kaj blekegis, kaj la homoj sur la monto ektimis, sin demandante kia teruriga, granda, ruĝa besto tio estas, kiu elspiregas (elblovegas) tutajn fumonubojn kaj ĉiam pligrandiĝas.

La homoj kredis, ke tiam ili devus morti, kaj kelkaj opiniis, ke tamen estus estinte preferinde, resti en la val-arbaro kaj kelkfoje lasi sin bati de la mont-arbaranoj.

Sed pri ĉi tiuj malkuraĝaj vortoj, aliaj koleriĝis kaj diris, ke ili devas denove reiri en la forlasitan arbaron. Dum la homoj dumnokte tiel observadis la fajron, kiun ili kredis esti sovaĝa besto, ĝi iom post iom malproksimiĝis, kaj frumatene tute malproksime en la vastaĵo nur fajra brilaĵo ankoraŭ estis videbla. Tiam la homoj

malsupreniris de sur la monto en la ebenaĵon kaj vidis, ke la tuta herbaĵo kaj ĉiuj arboj estas forbrulintaj. Sed ili ankaŭ vidis, ke kelkaj bestoj estas bruligitaj, kaj trovis unuafoje bone rostitan viandon, kaj ili manĝis iom da ĝi kaj sentiĝis tre fortaj. Kaj kiam ili ankoraŭ ĉirkaŭrigardis pli malproksimen en la ebenaĵo, ili eltrovis ĉe la rando de l' monto grandan ŝtonegkavernon, kaj tie arbtrunkaĵo (arbstumpo) estis ankoraŭ brulanta.

### "Sentimulo" kaptas fajro-beston

Sed ĉar ĝi estas nur malgranda fajreto, la homoj ne timis pri ĝi kaj pli multe alproksimiĝis, por vidi, kion la sovaĝa besto nun farus.

Ĝiaj flamoj trankvile daŭrigis manĝegadi la arbstumpon. Nu, la homoj pli longtempe alrigardis, sed neniu tamen kuraĝis ektuŝi la beston langumantan (langumi = germ.: züngeln; france: jouer de la langue, s'élever en languettes; angle: to lick). Nur malgranda knabo, kiu estis nomata "Sentimulo" (germ.: Unverzagt; france: Sans-Peur; angle: Dread-nought) ekkaptis (ekprenis) sian pecon da branĉo kaj proksimiĝis la fajrobeston kaj tenis la lignaĵon al ĝi kaj diris: "Jen vi manĝegu, vi besto!"

Nu, dum li altenis la lignaĵon kelktempe, ĝi ekbrulis, kaj kiam li volis ektuŝeti ĝin per la fingro, ĝi lin mordis. Tiam la malgranda "Sentimulo" tamen ektimis kaj forĵetis la brulantan lignaĵon sur la teron, kaj liaj patro kaj frato alvenis kaj batis per siaj branĉoj la brulantan branĉopecon, kaj ĉar ĝi ankoraŭ estis nur malgranda fajro, ili sukcesis batmortigi la fajrobesteton.

Nu jam estis tre varmege en tiu tago, kaj la homoj ege soifis kiel ankoraŭ neniam pli frue, ĉar ili estis manĝintaj, unuafoje en sia vivado, rostitan viandon anstataŭ beroj kaj fruktoj.

Kaj tiam ili migradis laŭlonge de la monto tra la ebenaĵo, kaj baldaŭ ili venis al granda akvofluo. Kaj tie ili vidis, ke la fajro estas formanĝeginta la tutan herbon nur ĝis la akvobordo, sed ke la akvo estas kontraŭstarinta la fajrobeston. Kaj subite ili ankaŭ ekvidis ankoraŭ du brulantajn arbstumpojn, kaj tiam ili prenis akvon en siajn manojn kaj ĵetis ĝin sur unu fajrobeston, kaj tiam ĝi dronis kaj estingiĝis.

### Fajro-besto gardata en kaverno

Tiam ili volis dronigi ankaŭ la alian fajrobeston. Sed maljuna viro kun blankaj barbo kaj hararo diris: "Vi ne faru tion; ni tenu niajn branĉobastonojn al ĝi, kaj ni kaptu la fajron sur ili kaj kunpreni ĝin en nian novan kolonion. Vi vidu, tie ĉi supre sur la monto ankoraŭ staras arbaro, kaj mi vidis kavernon. Ĉi tie malsupre fluas bela akvo. Tie ĉi ni ekloĝu!" Kaj tiam ili bruligis siajn

branĉopecojn je la fajro kaj alten migris al la kaverno. Sed kiam ili venis al la kaverno, granda leono saltis kontraŭ ilin. Sed kiam ĝi ekvidis iliajn brulantajn branĉopecojn, ĝi ektimis pro la fajro kaj forkuregis, kaj la homoj eklogis en ĝia kaverno kaj forpelis per siaj fajrobastonoj el la kaverno ĉiun bestaron kaj vermaron, lacertojn kaj serpentojn; kaj tiamaniere ili eksciis, ke la fajro estas kara, bona besto kaj utila amiko, kiu havigas al ili protekton (ŝirmon) kontraŭ sovaĝaj bestoj. Nur oni ne devis tro proksimiĝi ĝin, sed oni ĉiam devis manĝegigi ĝin (doni al ĝi por manĝegi) el kelka malproksimeco. Kaj jen la homoj elektis du virinojn, tiuj ĉi devis ĉiam nutri la fajron kaj gardi ĝin, por ke ĝi ne fariĝu tro granda kaj tro dika, nek ankaŭ tro malgranda kaj tro maldika.

Kaj nun ili ne plu bezonis konstrui kabanojn sur la arboj, sed agrable kunloĝis en la vasta, spaca kaverno. Kaj kiam venis leono aŭ venena serpento, tiam ili alportis fajrobrulaĵon kaj fortimigis la malbonajn bestojn.

Kaj iom post iom ili purigis la tutan arbaron sur sia monto de la malamikaj rabobestoj.

Kiel ili ĝojis, ke ili estas forlasintaj la antaŭan hejmon! Nun ili vivadis pli certe, havis pli multe da manĝaĵo, viandon kaj rostaĵon kaj rostitajn pomojn, kaj tial ili ne bezonis plu serĉi nutraĵon dum la tuta tago. Male ili povis kolekti pli multe da akraj kaj pintaj ŝtonoj kaj fiksi ilin je branĉopecoj, kaj nun ili havis ŝtonhakilojn kaj ŝtonmartelojn.

**Ho ve, milito!**

Sed kiam ili foje dum bela mateno eliris el sia kaverno, ili ekvidis fremdajn homojn malsupre en la ebenaĵo. Estis la mont-arbaranoj, de kiuj ili estis forpelitaj el sia val-arbaro! Nun tiuj ĉi estis venintaj ankaŭ ĉi tien!

Tiuj ĉi malbonaj homoj svingis siajn ŝtonhakilojn kaj ŝton-martelojn kaj supren vokis mokajn parolojn. Tiam ĉiuj kavernen-loĝantoj prenis ĉiu sian pintan hakilon kaj grandegan fajrobrulaĵon kaj malsupreniris la monton, renkonte la malamikojn.

Kiam tiuj ĉi ekvidis la fajron, ili terure ektimis. Ili kuregis tiel rapide, kiel ili povis kuregi; kaj kiam ili vidis, ke ili estas per-sekutataj (kursekvataj) de la kavernanoj, ili ankoraŭ pli multe kuregis kaj ĉe tio tute ne rimarkis, ke ili ĉiam pli multe alproksim-iĝas la riveron. Subite ili estas ĉe la akvo; kaj kiam la kavernanoj ĉiam pli multe alproksimiĝas kun siaj fajrobrulaĵoj, la montanoj terure ektimis, kaj ili saltis en la akvon. Sed la rivero estis tre profunda en la mezo, kaj tiam ĉiuj malbonaj mont-arbaranoj dronis.

Tiel ili havis sian punon por sia malboneco.

## Mortas la kaptita fajro-besto

La kavernenloĝantoj nun estis tre gajaj. Ili manĝadis la tutan tagon kaj dancadis kaj drinkadis pomsukon (pomvinon). Kaj ili drinkadis ankaŭ la tutan vesperon kaj plenigis sian ventron ĝistute. Sed pro tio ilia kapo tute malsaĝiĝis, ili ĉiuj falis en profundan dormon kaj dormadis ĝis la sekvanta mateno.

Kiam la suno jam staris alte en la ĉielo, la homoj vekiĝis, kaj ili ĉiuj havis kapdoloron. Kaj kiam ili inspektis sian fajron, la fajro estis mortinta; ĉar neniu estis gardinta ĝin dumnokte kaj doninta al ĝi novan nutraĵon, ĉar ĉiuj estis estintaj ebriaj kaj estis dormintaj tro longtempe.

Nun kompreneble la kavernhomoj estis tre malgajaj kaj tre hontaj. La fajro estis helpinta ilin kontraŭ malbonaj homoj kaj sovaĝaj bestoj kaj malicaj serpentoj. Kaj ili estis rekompencintaj tiujn ĉi servojn per sendankeco kaj estis lasintaj morti la karan fajron dumnokte.

Kaj sufiĉe baldaŭ la kavernhomoj rimarkis, kiel ilia situacio nun denove malboniĝis. La leonoj ree riskis veni en la ĉirkaŭaĵon, la serpentoj plimultiĝis; kaj unu nokton, kiam la homoj dormis, leono venis eĉ en la kavernon kaj fortrenis infanon kaj formanĝegis ĝin.

Tiam la homoj interkonsiliĝis, ĉu ili restu loĝantaj en la kaverno ankoraŭ pli longtempe. Iuj opiniis, ke oni denove devas konstrui kabanojn altsupre sur la arbo. Kaj tiam la aliaj diris, ke ili nun forgesis la lertan grimpadon sur la arbojn.

“Ni restu tie ĉi“, ili konsilis; “kiam la proksima somero venos kaj ree fariĝos tre varmege, tiam eble ankaŭ venos la granda brulado en la ebenaĵon, kaj ni denove kaptos fajron kiel antaŭe.“

“Jes“, diris la aliaj, “se ĝis tiam la leonoj nur ne estos formanĝegintaj nin ĉiujn, tiam ni povas atendi tiel longtempe.“

## Sentimulo, retrovas fajro-beston

Jen la juna “Sentimulo“ stariĝis. Li estis tre pligrandiĝinta, de post kiam li estis kaptinta la unuan fajron, kaj nun li diris: “Kion vi donos al mi, se mi havigos al vi fajron?“

“Mi al vi donos mian plej belan ŝtonhakilon“, vokis unu.

“Mi donos al vi mian plej multpezan ŝtonmartelon“, vokis alia. “Okfoje la suno leviĝis kaj malleviĝis, antaŭ ol mi estis sukcesinta, ligfiksi la ŝtonon al la branĉo.“

“Mi ne volas ekhavi viajn hakilojn kaj martelojn. Nur vi devas rigardi min, kiel plenkreskintan homon kaj ne plu kiel knabon. Al neniu devas esti permesate iam ajn ree bati min kaj diri, ke mi

estas malsaĝa, freneza knabo. Se vi volas promesi tion al mi, mi volas provi, ĉu mi povas havigi fajron al vi."

Tiam la viroj al li promesis, ke ili de nun volas rigardi lin, kiel plenkreskan homon, kaj neniu devas havi la permeson, batpuni lin, ĉar li estus ankoraŭ knabo.

"Sentimulo" nun al ili klarigis sian projekton, kiamaniere oni povos denove krei fajron.

"Vi jam ofte estis vidantaj", li diris al la viroj, "ke tute malgrandaj fajreretoj elsaltas el la stonoj, kiam oni ege batas la ŝtonojn unu kontraŭ la alia. Nun ni kolektu herbon tute sekan kaj vidu, ĉu la malgrandaj fajreretoj akceptos la maldikajn herberojn, kiel nutraĵon kaj fariĝos grandaj fajroj. Mi estas rimarkinta, ke seka herbo plej rapide kaptas fajron, kaj eble ĝi ankaŭ kaptos la fajrerojn, kiuj sidas en la ŝtono, kaj lasas sin formanĝegi de ili. Vi ĉiuj kunvenu en la internon de la kaverno, prenu grandajn, blankajn, travideblajn (diafanajn) ŝtonojn, ĝustajn fajroŝtonojn, kaj tiam ni foje batu fortege unu ŝtonon kontraŭ la alian por naski fajrerojn."

Jen la kavernanoj prenis siajn fajroŝtonojn kaj kolektis sekan, maldikan herbon kaj kunmetis ĝin en la fajrujon, kaj poste ili fortege batis la ŝtonojn unu kontraŭ la alian tiel, ke fajrero post fajrero elsaltas kaj falas en la herbon. Subite la herbo komencis subbruleti, la viroj per plenaj vangoj enblovis en ĝin, kaj jen la herbo ekbruliĝis. Rapide "Sentimulo" metis kelke da branĉopecoj en la fajron, kaj nun ili denove havis sian malnovan amikon, al kiu oni ne devas doni tro multe, sed ankaŭ ne tro malmulte por manĝi.

### Kia ĝojo en la kaverno

Kiel ĝojaj nun estis ree la kavernanoj! Ili ne ektimis, kiam subite leono ekstere antaŭ la kaverno terurige ĵus blekegis, sed ili prenis brulantan branĉopecon kaj siajn ŝtonhakilojn kaj forkurigis la leonon. Kaj ĉar ili estis la solaj homoj sur la tero, kiuj scipovas bruligi fajron, ili fariĝis la plej fortegaj homoj, kaj neniu riskis ataki ilin, forpreni ion de ili aŭ eĉ bati ilin. "Sentimulo" de post tiam estis fama homo kaj estis treege estimata kaj amata.

De post tiu tempo, kiam la kavernanoj eltrovis la fajron, multaj, multegaj jaroj estas pasintaj. El la kavernanoj estiĝis granda kaj potenca popolo, vilaĝoj estis konstruataj, vojoj estis konstruataj. La maljunaj homoj mortis, la malgrandaj infanoj plenkreskis, kaj poste ili ankaŭ mortis, kaj tiel okazis dum multaj miloj da jaroj, kaj ĉiam ankoraŭ la homoj faris la fajron tiel, ke fajreroj estis elbatataj el ŝtonoj. Tio estis tre peniga, kaj vi mem povas foje provi, kiel malfacile estas, bruligi fajron tiamaniere. Sed la homoj ĉiam faris novajn eltrovojn, ili lernis ankoraŭ mil aliajn aferojn krom fajro.

## Fajro-besto gluita sur Alumeto

Kaj jen iutage ili ekpensis, skulpti malgrandajn lignaĵetojn kaj glui al ili ruĝan kapeton; kaj se oni frotas la ruĝan kapeton, kelkfoje ankaŭ ĝi estas blua, laŭlonge de frotplato, fajro rapidege venos el la kapeto. Estis multaj saĝaj viroj, ĉiuj ĉi kunlaboradis dum multaj jaroj pri tio: elpensi tiajn malgrandajn alumetojn.

Kaj ĉu vi scias, kiamaniere nuntempe la alumetoj estas farataj? Estas grandaj fabrikoj kaj troviĝas multe da maŝinoj en ili, tiuj ĉi laboras pli rapide ankoraŭ ol la homoj kaj fabrikas en unu sola tago tiom da alumetoj, ke ĉiuj homoj sur la tero povas bruligi fajron per ili.

Kaj ĉu vi scias, de kie la alumetoj venas?

Jen grandaj arboj estas faligataj kaj segataj en pecojn, kaj poste ili estas ĉirkaŭe senŝeligataj per maŝinoj, kiel oni senŝeligas terpomojn aŭ aerpomojn, kaj tiam la pecoj estas tranĉataj en tre malgrandajn pecetojn-bastonetojn, kaj ĉio ĉi estas farata de maŝinoj, ne de homoj.

Esperantigis:
Otto Walther.

El la verko de D-ro Georg Biedenkapp
"Kion mi rakontas al mia sesjarulo?"

3. Informu nin pri ĉio influanta edukadon de la proletidoj en via lando kaj pri propre laborista klerigado.

4. SAT-edukistoj rakontu vian vivon en lernejo kaj hejme — SAT-gepatroj skizu vian vivon kun viaj infanoj — SAT-anidoj, vi ankaŭ verku por nia revuo "interesan tagon de via vivo".

Kaj nun, ni nin turnas al SAT-edukistoj kun insista peto. Vi estas centoj kaj centoj. En multaj urboj vi estas eĉ la organizantoj kaj gvidantoj de la laborista esperanta movado. La plumon vi scias teni. Movu ĝin por nia edukaj kajeroj. Ne forgesu, ke nia edukada serio estas jam liligo inter ĉiuj esperantistaj instruistoj avangardaj, ke nia daŭra kunlaboro al ĝi estas la bazo por plia kresko de nia SAT-edukista sekcio, sola organizo taŭga por utiligi kaj propagandi esperanton en avangardaj medioj instruistaj. Senprokraste, ĉiuj vi kunlaboru! **La Redakcia Komitato.**

---

# I. T. E.

INTERNATIONALE DES TRAVAILLEURS
DE L'ENSEIGNEMENT
INTERNATIONALE DER BILDUNGSARBEITER
EDUCATION WORKER'S INTERNATIONAL
**ИНТЕРНАЦИОНАЛ РАБОТНИКОВ ПРОСВЕЩЕНИЯ**

## INTERNACIO DE L'EDUK-LABORISTOJ

estas la sola organizo internacia de klaskonsciaj
edukistoj el mondo



SAT-edukistoj
aliĝu sekcion de Edukintern en via lando;
anoncu vin al sekretario en Parizo.
Per esperanto helpu!



*Internationale des Travailleurs de l'Enseignement*
L. Vernochet, 8 Avenue Mathurin-Moreau, Paris XIX.

Presejo: Uns-Produktivgenossenschaft, Leipzig (Germanio)